


# INTERNACIA FERVOJISTO

## 2010.2




*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

## Naskiĝdatreveno

La 06.02.2010, s-ino EGGENBERGER Gertrude festis sian 85-an naskiĝdatrevenon.

Pro sia granda merito, en jaro 2004 ŝi estis nomumita Honora Membro de IFEF.

**Koran dankon por ŝia plurjardeka rezultohava grava laboro.**

## Grava manko okazis en la tabelo de honorigitoj

*(IF 2010.1 Paĝo 23)*

Kiel redaktoro mi forgesis mencii la nomumadon de Dr Ph Abeloskva kiel Honora Membro de FISAIC, distigon aprobitan dum la Ĝenerala Asembleo de FISAIC en Varsovio. Vidu IF-n 2007.3 en paĝo 54.

Mi pardonpetas al la ricevinto.

Jean RIPOCHE

## Frontpaĝe.

Okaze de solenaĵo farita en Ĉinio por prezentado de rapidaj trajnoj, oni dekoraciis kelkajn veturilojn pro tiu solena inaŭguro. Vidu paĝon 37 .

## Enhavo




# Nia venonta 62-a IFEF-kongreso en Sofio (Bulgario)

## Bulgario

Bulgario situas en Sudorienta Eŭropo en la orienta parto de Balkana Duoninsulo. Okcidente, la landon limas Serbio kaj Makedonio, sude, Grekio kaj Turkio, norde, Rumanio, paralele kun la natura limo la rivero Danubo. Per Nigra Maro, Bulgario interligiĝas akve kun Ukrainio, Rusio,Turkio, Kartvelio kaj Rumanio.La tuta tersurfaco de la lando estas 110 993 kvadrataj kilometroj kun limo 1 820 km-ojn longa kaj nigramara bordo 355 km-ojn.

Ĝia teritorio konsistas el 60% montaroj kaj la cetera parto el vastaj ebenaĵoj, malaltaĵoj, valoj kaj pitoreskaj intermontoj.La meza supermara nivelo de la lando estas 470 metroj. La Balkan-montaro (Stara planina) dividas la landon en du partojn preskaŭ egalajn kaj ludas la rolon de natura barilo kontraŭ la malvarmaj nordaj ventinfluoj. La montara ĉeno estas karaktera kun siaj multnombraj kavernoj kaj akvofaloj. Norde de Stara Planina sterniĝas la Danuba ebeno kaj sude staras Supertraca intermonto kaj etendiĝas Roza valo.




*Bulgara mapo*

La plej alta montaro en Bulgario "Rila" kulminas en la montopinto "Musala" -2 925 m-ojn alta eĉ la plej alta sur la Balkaninsulo ; la dua laŭ alteco "Pirin" kun montosupro Vihren -2 914 m-ojn alta havas glaciajn lagojn kaj Melnikajn piramidojn. Cetere UN enskribis la landan parkon "Pirin" en la liston de monda kaj kultura heredaĵo. Eksterordinare belega la montaro Rodopi ĉiam ravas per siaj virgaj arbaroj, amaso da kavernoj, akvofaloj kaj lagoj. En la montaro, la naturo elĉizis interesajn

naturfenomenojn, ekzemple - grotojn, intermontojn, rokajn piramidojn, rokajn fungojn. Vitoŝa, tre antikva montaro staras apud la ĉefurbo Sofio kun plej alta montopinto "Ĉerni Vrah" -2 290 m-ojn alta. En la montaro Vitoŝa troviĝas la Natura parko Vitoŝa.



*Bulgara parlamento*

Pli malaltaj, sed eksterordinare belegaj kaj konservitaj estas la montoj - Sredna gora, en la centra parto de la lando ; Stranĝa kaj Sakar en sudorienta kaj Osogovo en sudokcidenta Bulgario.

Tre alloga ankaŭ la bulgara Nigra Maro : Ĉirkaŭ 25 procentoj el la borda strio kovris orecaj sableroj kaj ĉiusomere niaj maraj ripozejoj allogas milojn da turistoj.

La klimato : mezvarme kontinenta sub granda influo en la orienta regiono de Nigra Maro kaj en la suda regiono de Mediteraneo kun kvar sezonoj, mezjara temperaturo : 11gradoj, somero varma kaj seka, vintro milda kaj neĝa. Somere, la suno brilas dum pli ol 140 tagoj kun meza temperaturo 26 gradoj, dum la plej varmaj tagoj ĝi malofte superas 35 gradojn.

Loĝantaro de Bulgario 7 973 673 personoj, oficiala lingvo : la bulgara, religio : 86 % kristanortodoksoj - 13% mohometanoj, malmulte da katolikoj. La bulgaran Eklezion sendependan estras patriarko.

Bulgario kiel lando estis fondita en 681 p.k. kaj, komence ekzistis alianco inter lokaj loĝantoj - slavoj kaj prabulgaroj kiuj transloĝiĝis el Okcidenta Azio. La alfabeton slavan, kreis fine de la 9-a j.c. la fratoj Kiril kaj Metodi. Dum la 1300 jaroj de ekzistado, Bulgario travivis diversajn formojn de estrado. La valuto de la lando estas la bulgara levo ligita kun eŭro.

La popola konsilantaro inkluzivas 240 deputitojn, elektitajn laŭ majoritatan balotsitemon por kvarjara mandato.

Bulgario havas 28 distriktojn. Ĉefurbo : Sofio kun 2 000 000 loĝantoj. La plej grandaj urboj : Plovdiv – 350 000, Varna – 330 000, Burgas – 200 000, Ruse – 150 000, Veliko Tarnovo kaj aliaj.

La kulturo travivis pli ol 1 300 jarojn de disvolviĝo. Hodiaŭ, en Bulgario ekzistas multaj superaj institutoj, mezaj kaj fakaj lernejoj kaj ankaŭ privataj kolegioj, en preskaŭ ĉiuj urboj teatroj, operejoj, muzikaj haloj, bibliotekoj kaj muzeoj. La armeo nombras 40 000 etatajn soldatojn. La naturo estas unika kaj pitoreska. Laŭ la nigromara bordo, oni povas ekoturismi. Preskaŭ ĉiuj ripozejoj posedas Bluan Flagon. Somere la flughavenoj de Varna kaj Burgas akceptas multe da turistoj. En la montaroj troviĝas belegaj vintraj ripozejoj kaj ripozloĝejoj kun perfektaj ripozkondiĉoj. La vintrajn ripozejojn konvenajn por skiado amase vizitas landaj kaj eksterlandaj gastoj.



*Ortodoksa seminario en Sofia*

Bulgario posedas multnombrajn kvietajn, ekologie purajn, memorajn anguletojn, kie oni povas samtempe ĝui belegan naturon kaj ankaŭ sperti agrablan atmosferon de la tradiciaj bulgaraj kulturo kaj kutimoj.

Bulgario fieras pro siaj 3 naciaj, 10 naturaj parkoj kaj 56 rezervejoj kiuj konservis la variecon, la belecon kaj la unikecon de ĝiaj natura kaj kultura heredaĵoj.

Bulgario estas riĉa je kuracmineralaj fontoj aperintaj diversloke kaj je pli ol 850 mineralnaturaj fontoj, kelkaj el ili laŭ la konsisto egalas la plej mondfamajn kuracajn akvojn. La kombino de favoraj klimatkondiĉoj, mineralaj akvoj kaj belega naturo allogas multajn homojn.

Bulgario malavare dotita de la naturo per multvariaj pitoreskaj pejzaĵoj, milda mezkontinenta klimato, taŭgas por tutjara ripozado.

***Profitu la eventon en Sofio por viziti tiun belan urbon.***

# POSTKONGRESO – URBO VELINGRAD

Iuj nomas ĝin la perlo de Rodopi-montaro, aliaj – paradiza angulo, sed senbrua, droninta en verdaĵo, bone konstruita, pura kaj bela, ĝi havas la nomon de fraŭlino – Velingrad (urbo de Vela).

Velingrad situas en la okcidenta parto de la suna “Ĉepina valo”, troviĝanta je la limo inter la admirinde belaj Rodopi-montaro kaj majesta Rila monto. Ĝi estas konata kiel mezmontara kaj bankuraca loko. Miloj da turistoj kaj ripozantoj vizitas la urbon por spiri la puran aeron kaj kuraci sin per mineralaj akvoj. La mineralaj akvofontoj nombras pli ol 70 donantaj po 9000 litrojn minute. Temperaturo je 40 ĝis 93 gradoj (laû Celzio). Ĝi taŭgas por kuracado de ostaj, hepataj, renaj k.a. malsanoj.



En la urbo estas multaj kaj bone meblitaj hoteloj, restoracioj kaj ripozdomoj. Velingrad situas je 765-800 m-oj super la marnivelo. Ĉiuflanke, ĝin baras altaĵoj kaj montaroj kovritaj de pinarboj.Ili ŝirmas la urbon kontraŭ la sudaj varmaj kaj la nordaj malvarmaj ventoj. La vintro estas milda, la neĝo restas 50 tagojn, la somero malvarmeta. La klimato mezvarme kontinenta, favoras por la kuracado de la spira sistemo kaj aliaj malsanoj.



En la ĉirkaûaĵoj de Velingrad situas belegaj lokoj por promenado kaj turismo. En la karsta fonto


*La kajo en la stacidomo en Velingrad*

"Kleptuza" kun debito de po 600-1000 litroj minute, la akvo falas de alto en du grandajn lagojn.

La ideo pri la Internacia lingvo en Ĉepina valo ekflamis antaŭ la Unua Mondmilito. La esperanta movado en Velingrad daŭras de pli ol 70 jaroj.

La preĝejo "Sankta Triopo" konstruita sur la loko de la kapeleto, laŭ la arkitektura aspekto estas baziliko. En ĝi, tri "ŝipoj", konturitaj per 8 kolumnoj, portantaj la arkojn. La preĝejo longas 26,80, larĝas-10,50 kaj altas -7,50 m-ojn. La murojn oni faris per ŝtonoj dikaj je 0,80 m-o.





*Velingrad krepuske*

La historia muzeo aranĝita en 1951 jam de antaŭ pli ol 30 jaroj enskribiĝis en la registro de la 100 plej gravaj naciaj objektoj. Pro siaj pli ol 17 000 eksponaĵoj: arkeologiaj, etnografiaj, renesancaj, novhistoriaj, belartaj ktp., ĝi estas enskribita en la katalogo "La muzeoj de la mondo".

# Raporto de la kasisto por la jaro 2009

| Enspezoj | EUR | Elspezoj | EUR |
|---|---|---|---|
| Kotizoj | 5256,00 | IF-presado | 1675,00 |
| Donaco | 20,65 | IF-sendo | 1474,00 |
| FFK-vendo | 12,00 | UEA-kotizo | 177,00 |
| Kotizoj 2008 | 90,00 | Afrankoj FK | 85,66 |
| | | Estraro | 1870,68 |
| | | Bankkostoj | 19,75 |
| | | ifef.net | 28,70 |
| **Sumo :** | 5378,65 | **Sumo :** | 5330,79 |

| **Bilanco je la 31-a de decembro 2009** | | | |
|---|---|---|---|
| **Aktivoj** | **EUR** | **Pasivoj** | **EUR** |
| Banko | 10317,88 | Kongresa Garantia Fonduso | 18,78 |
| UEA-konto | 1319,68 | Junulara Fonduso | 501,18 |
| Kaso | 596,14 | Adopta Fonduso | 98,85 |
| Ricevotaj kotizoj | 135,00 | Terminara Fonduso | 78,48 |
| | | Estrara Fonduso | 369,52 |
| | | SAEF-Fonduso | 1956,05 |
| | | „Historia libro (IFEF 100 jaroj)“ | 1547,70 |
| | | jarrezultoj sumigitaj | 7525,28 |
| | | ĉijara rezulto | 47,86 |
| | | antaŭricevitaj kotizoj 2010 | 225,00 |
| **Sumo :** | 12368,70 | **Sumo :** | 12368,70 |

## Tagordo por la kunveno de FK dum la 62a kongreso:

1. Bonvenigo kaj enkonduko fare de la FK-gvidanto.
2. Raporto de la Fake aplika sekcio-sekretario.
3. Raportoj pri fake aplika laboro en unuopaj IFEF landaj asocioj.
4. Fakaj programeroj dum la 62a IFK.
5. Raporto de la Terminara sekcio-sekretario.
6. Raportoj de la TS-kunlaborantoj (kaj landaj kaj individuaj).
7. Traktado de nocioj laŭ informoj en Terminaraj Kurieroj.
8. Fakaj programoj dum la 63a IFK.
9. Novaj taskoj por la sekcioj.
10. Eventualaĵoj (sub tio, korektado de la adreslisto).

| Membro-stato | | |
|---|---|---|
| **Lando** | **2008** | **2009** |
| Aŭstrio | 56 | 56 |
| Belgio | 15 | 15 |
| Bulgario | 15 | 15 |
| Ĉeĥio | 34 | 34 |
| Ĉinio | 15 | 15 |
| Danio | 40 | 30 |
| Francio | 101 | 80 |
| Germanio | 114 | 110 |
| Hispanio | 15 | 15 |
| Hungario | 30 | 30 |
| Italio | 60 | 55 |
| Japanio | 15 | 15 |
| Kroatio | 15 | 15 |
| Norvegio | 36 | 36 |
| Pollando | 15 | 15 |
| Rumanio | 15 | 15 |
| Serbio | 10 | 10 |
| Slovakio | 10 | 10 |
| Slovenio | 6 | 6 |
| Individuoj (2008: 6 CH + 2 NL + 1 FI) | 9 | 8 |
| | 626 | 585 |

| Propono de buĝeto por la jaro 2011 | | | |
|---|---|---|---|
| **Enspezoj** | **EUR** | **Elspezoj** | **EUR** |
| Kotizoj | 4900,00 | IF-presado | 1700,00 |
| FFK-vendo | 20,00 | IF-sendo | 1700,00 |
| | | UEA-kotizo | 177,00 |
| | | Afrankoj FK | 128,00 |
| | | FFK-presado | 100,00 |
| | | Estraro | 1100,00 |
| | | Bankkostoj | 15,00 |
| **Sumo :** | 4920,00 | **Sumo :** | 4920,00 |

Noto pri la tabelo "Membro-stato" : por Serbio por la jaro 2008 estas skribite "10". Tio mankis en la lastjara tabelo aperinta en IF 2009.2 (pro pago farita en jaro 2009).

## *FORPASO*

Forpasis subite nia ĉeĥa kolegino ***Anna Poláková,*** (1934-2009) malnova membro de IFEF, esperantistino ekde 1959, elstara aktivulino en EK-Lanškroun kaj longjara tre aktiva membro de Ĉeĥa landa asocio de IFEF, edzino kaj fidela helpantino de Inĝ. Zdenìk Polák, gvidanto de TK de IFEF en Ĉeĥio.

En nia koro ni gardos la memoron pri ŝia vigla kaj entuziasma agado. Ŝi ripozu en paco!

# Tagordo de la nepublika komitatkunsido 10.05.2010 en Sofio

1. Malfermo, konstato de mandatoj
2. Diskuto pri kongrespropono(j)
   2.1. Elekto de estraranoj
3. Diskuto kasraporto-bilanco 2009/buĝeto 2011
4. Diskuto, analizo de situacio en kelkaj landoj
5. Diskuto pri venontaj kongresoj
6. Analizo pri eksteraj rilatoj
7. Eventualaĵoj



# Tagordo de la publika plenkunsido 11.05. 2010 en Sofio

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Ricevitaj telegramoj, leteroj
3. Honorigo al la mortintoj
4. Estraranaj raportoj
   4.1. Sekretario
   4.2. Redaktoro
   4.3. Kasisto
5. Protokolo Triesto (IT)
6. Raporto de la ĉefkomitatano
7. Kongrespropono(j)
   7.1. Elekto estraranoj
8. Raportoj de la Faka Komisiono (FK)
   8.1. Gvidanto
   8.2. Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)
   8.3 Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)
9. Raportoj de la komisiitoj
   9.1. Komitatano "A" por IFEF ĉe UEA
10. Resumo de jarraportoj 2009 el la landaj asocioj
11. Analizo de la nuna situacio en kelkaj landoj
12. Buĝeto 2011 kaj kotizkonfirmo
13. Rilatoj al aliaj organizoj
    13.1. UEA
    13.2. FISAIC
14. Venontaj kongresoj
    14.1. Konfirmo de invito al la 63-a IFK 2011
    14.2. Elekto de lando por 2012, la 64a IFK
    14.3 Diskuto pri pluaj eblecoj
15. Eventualaĵoj
16. Libera diskutado.

## Orientiĝo *(por ridi)*

En nokta mallumo aŭtomobilo veturis horojn. La direktoro dormis malantaŭ la ŝoforo. Vekiĝinte li demandis :
-- Kie ni troviĝas jam? -- Mi ne scias. Via voĉo ĵus vekis min.
La direktoro svenis.

*László Huszár*

# NOVAĴO el BALKANIO

Post preskaŭ 18 jaroj, denove ekzistas rekta komunikiĝo fervoja inter Beogrado kaj Sarajevo. Trajno forlasis, dimanĉon matene (= 13.12. 2009), la serban ĉefurbon kaj sin direktis al la ĉefurbo de Bosnio-Hercegovino. La ĉirkaŭ okhora veturo estis de alta simbola signifo, ĉar per ĝi pliboniĝis la rilatoj inter la du ŝtatoj, kiuj dum la balkana milito de la 90-aj jaroj akriĝis.

La tuta fervoja reto de Bosnio konsistas el 1021 km-oj (1995), sed ekspluatata de 3 entreprenoj (pro la politika strukturo de la ŝtato).



*Lokomotivo el Bosnio ; maldekstre adiaŭanta persono, kaj dekstre serba kajo-ĉefo.*

Aldonaĵoj : En televido oni aŭdis, ke en tiu unua trajno enestis nur 18 vojaĝantoj.

*Walter Ullmann, Germanio*

ЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮЮ

# Trajno Grandrapida en Ruslando

Inter Moskvo kaj Sankta Peterburgo nun veturas grandrapida trajno de la firmao Siemens. La trajno kun la nomo "Sapsan" (= migra falko) startis ĵaŭde (=17.12.2009) en Moskvo por la unua veturo.




La rusa ŝtata fervojo (RZD) mendis ĉe Siemens ok rapid-trajnojn de la tipo "Velaro". La 650 km-ojn longa itinero inter Moskvo kaj St. Peterburgo devus la "Sapsan" traveturi dum 3 horoj kaj 45 minutoj, do 45 minutoj pli rapide ol la ĝisnun funkcianta trajno. (dpa)

Tradukis: Walter Ullmann / Germanio
(Artikolo el "Wetterauer Zeitung" de la 19.12.2009)

# Ĉeĥa Rovensko en rumana Banato per okuloj de ĉeĥaj fervojistoj

*(Surprizo por amatoroj kaj profesiuloj)*

Vendredon, la 20-an de novembro 2009 estis en ĉeĥa urbo Pardubice, en strato Hronovická, en Galerio GM solene inaŭgurita ekspozicio de verkoj de sep neprofesiaj fotistoj, membroj de grupo FOTO ĉe Landa Asocio FISAIC ČD. La aŭtoroj, profesie plenumantaj diversajn fervojajn okupojn, en ĝi ekspozicias siajn verkojn, faritajn en la jaroj 2008 kaj 2009 dum du vizitoj de la grupo en Rovensko – unu el la du ĉeĥaj vilaĝoj en la rumana Banato.



*Kvar el sep ekspoziciantoj – de maldekstre: Inĝ. Jarmila Šmerhová, František Pecho, Radmila Stanovská kaj Vít Stanovský.*

La nivelo de la ekspoziciataj fotografaĵoj ofte surprizas ne nur la ordinarajn vizitantojn de la Galerio, sed ankaŭ la profesiajn fotografistojn. Ĝi estas la rezulto de laboro de la grupo de la fervojistoj – fotografamantoj estritaj de la Landa Asocio FISAIC ČD. En kadro de la agado de la grupo oni dum lastaj jaroj por ĉi tiuj neprofesiaj kreantoj regule organizas seminariojn kaj laborrenkontojn sub la gvido de la fotisto kaj galeriisto Petr Mošek el Pardubice. Kelkaj membroj de la grupo ankaŭ private vojaĝis al Banato kaj poste prezentis siajn vidindaĵojn koncernantajn tiun malproksiman, tamen al Ĉeĥio proksiman landon.

La ekspozicio, nomata "Rumanio – Banato" en Galerio GM, strato Hronovická 437, Pardubice estos malfermita ĝis la 21-a de januaro 2010.

*Laŭ la sindikata fervojista gazeto "OBZOR"*
*esperantigis Jindřich Tomíšek*

# Fervoja linio kun la plej rapidaj trajnoj en la mondo malfermita en Ĉinio

Sabaton, la 26-an de decembro 2009 okazis solena ekspluatapertigo de fervoja linio inter urboj Wu-chan kaj Kanton en Ĉinio. La distancon : 1067 km-oj la trajno traveturos en malpli ol tri horoj ! Dum la unua veturado la trajno veturis per meza rapido 350 km-oj hore.

Oni atendas, ke la fervoja kunligo konkurencos la aertrafikon. Tiu ĉi, ĝis nun, estis multe pli rapida, ĉar vojaĝo surtera daŭris minimume dek horojn. Tamen, eĉ uzante tiun ĉi la plej rapidan trajnon la fervojo ne venkos. La bileto por unu veturado kostos en rekalkulo 120 USD (cca 80 eŭrojn).

La urbo Wu-chan estas la plej granda en centra Ĉinio kaj samtempe metropolo de la provinco Chu-pej. En la urbo vivas 6,7 milionoj da homoj. Celurbo de la nova linio estas elstara marhaveno Kanton ĉe la marbordo de Sudĉina Maro – aglomeraĵo nombranta 12 milionojn da homoj.




*La trajno atinganta mezan rapidon ĝis 350 km-oj hore*

Se la trajno konservos sian rapidon, ĝi estos la plej rapida trajno en la mondo. La ĝisnunaj grandrapidaj trajnoj en Japanio kaj Francio trafikas per meza rapido respektive ĉirkaŭ 240, 270 km-oj hore.

La plej granda rapido, per kiu trajno kapablis veturi, estis mezurita en la jaro 2003 en Japanio, la veturigilo galopis per rapido 581 km-oj hore.

*(Laŭ interreta informo prilaboris Jindřich Tomíšek)*

# Marcipano plej multe allogis la infanojn

Svitavy estas distrikta urbo en limregiono de Bohemio kaj Moravio apud rivero Svitava. La urbo mem kun siaj memoraĵoj (paroĥa preĝejo Vizito de Sankta Maria, renovigita en 1795, renesanca Malnova urbodomo el 16-a jc., renesancaj domoj kun arkadoj, k.t.p.) kaj ĝia ĉirkaŭaĵo certe valoras la viziton. En konscion de la ĉeĥaj kaj eksterlandaj esperantistoj ĝi eniris per fondo de la Esperanto-Muzeo, kiu troviĝas en Ottendorfer – domo vid-al-vide al la Urba Muzeo kaj Galerio. De post sia solena inaŭguro en septembro 2008, en la jaro de la 75-a datreveno de Esperanto en Svitavy, la Esperanto-Muzeo jam estas konata nocio en la mondo kaj ankaŭ plimultiĝas ĝia internacia kunlaboro.

En proprieto de la muzeo estas riĉaj kolektoj de esperantaĵoj, eĉ veraj unikaĵoj, inter ili ekz. originalo de la Unua lernolibro de Esperanto por ĉeĥoj de F. V. Lorenz el la jaro 1890, publikaĵo de Jan Herben pri T. G. Masaryk en Esperanta traduko kun propramana subskribo kaj dediĉo de lia filo Jan Masaryk, aŭ kompleta jarkolekto 1912 de kolora manbindita japana gazeto "Ĉiumonata internacia gazeto ORIENTA AZIO", kiun al la Muzeo donacis la filo de ĉeĥa abonanto, kaj originalo de reliefo de Eŭgeno Lanti, kiun donacinto el Brno flegis dum multaj jardekoj. Menciindaj estas organizataj ekspozicioj kaj aliaj aranĝoj por publiko, ekzemple : La 9-an de oktobro 2009 estis malfermita ekspozicio kun temo "Esperanto kaj fervojo", dediĉita al centjara datreveno de fervojista esperanta movado. La solenaĵo okazis enkadre de jarkonferenco de ĈEA kiel inaŭgura programero. Sur diversaj tabloj, en vitrinoj kaj ŝrankoj estas prezentataj dokumentoj, libroj, vortaroj, fotografaĵoj, insignoj kaj aliaj vidindaĵoj, prezentantaj la centjaran historion de fervojista E-movado. Unikaj estas ekzemple kelkaj numeroj de „Fervoja Esperantisto“ el jaroj 1911 kaj 1913. La ekspozicion kompletigas apartaj afiŝoj kun trarigardo de la movada historio en koncizaj punktoj kaj prezento de postmilitaj IFEF kongresoj.



*Organizantoj, meze S-ino Dvorakova L kaj marcipan na prodej*

Aparta parto de la ekspozicio estas dediĉita al infanaj desegnaĵoj kun fervoja temo, rezulto de la konkurso organizata de la Muzeo, al kiu prezentis siajn desegnaĵojn entute 25 infanoj el 10 landoj. La ekspozicion krom multaj aliaj vizitis ankaŭ partoprenantoj de la jarkonferenco de la Ĉeĥa landa asocio de IFEF – sub nova nomo Ĉeĥa Fervojista Esperanto-Asocio (ĈeFEA) – la 24-an de oktobro 2009. La ekspozicion eblas viziti ĝis la fino de la venonta jaro 2010.

Dimanĉe, la 6-an de decembro 2009 okazis en la Muzeo jam la 2-a „Marcipana Kristnasko“. Tiu ĉi aranĝo apartenas al tradicia festado de „Kristnaskaj Festoj en Svitavy“. En la Muzeon venis esperantistaj geedzoj Vyšinkovi el Vracov (Moravio). Ĉar ilia unua vizito lastjare estis sukcesa, oni atendis la vizitantojn el Svitavy.



*S-ino Vyŝinkova, infanoj provas labori kun marcipano*

Por marcipano venis ankaŭ infanoj de la esperantistoj el urboj Šumperk kaj České Budějovice. Ili interesiĝis por mem fari musetojn, porketojn, oniskojn, elefantetojn, neĝfigurojn kaj fiŝojn, kaj ilia intereso estis eksterordinara. Sinjorino Anna Vyšinková per amuza metodo gvidis la infanojn dum la tuta tago en ilia produktado. Iuj patrinoj ĉi tie kun gefiloj restis pli ol unu horon, ĝis kiam ili ne produktis aron da diversaj bestetoj. Plezure ili foriris kun plenaj brakoj de siaj produktaĵoj. Dum produktado ili kompreneble ankaŭ gustumis la marcipanon. Krome, ankaŭ por aliaj vizitantoj oni havis preparitan gustumadon de marcipano kaj kokosfarunaĵaj produktoj. Inter la vizitantoj estis ankaŭ aliaj produktantoj de marcipano. Ili bone pritaksis kvaliton kaj belecon de la proponataj produktoj. Oni ne miris, ke tiom kvalita marcipano havas protektan receptaron. Malgraŭ, ke la aranĝo estis planata ĝis la 16-a horo, la infanoj konstante alvenadis kaj instruado ne havis finon.

Lastjare la geedzoj Vyšinkovi donacis al la organizanta „Klubo de Esperanto-Amikoj“ en Svitavy du marcipanajn tortojn, unu estis transdonita al infanoj de la „Suĉinfanejo en Svitavy“ kaj la dua al infanoj de Porinfana fako de la hospitalo en Svitavy. La ĉijaraj produktaĵoj de s-ino Vyšinková dum instruado estis donacitaj al infanoj de Speciala infanvartejo en Svitavy.

Lastjare vizitis la “Marcipanan Kristnaskon” ĉirkaŭ mil vizitantoj, ĉijare iom malpli. La infanoj tamen kreis pli multajn formojn en pli ol 300 ekzempleroj. La aranĝon vizitis loka televidstacio, kiu filmis malgrandan disaŭdigan raportaĵon. Venis ankaŭ redaktorino de la Radio Pardubice, s-ino Pavlasová, por fari raporton por aŭskultantoj.

Nun oni jam ĝojatendas venontan jaron kaj pripensas, kiamaniere plibonigi la aranĝon.

*Kompilis Jindřich Tomíšek*

***Rimarko** :*

*Marcipano – migdala pasto el miksaĵo de muelitaj migdaloj kaj pulvora sukero, kun aldonoj de la spicaĵoj, uzata por produktado de dolĉaĵoj kaj sukeraĵornamoj, farata laŭ speciala receptaro.*

# La 26-a INTERNACIA FESTIVALO EN NÖRDLINGEN 27.12.2009 - 3.1.2010

*Kadra temo: FABELOJ, FABLOJ KAJ LEGENDOJ*

La ĉi-jaran IF-on ni povas nomi fabelan. Ĝi okazis en belega bavara urbeto *Nördlingen* komplete ĉirkaŭita per mezepoka murego. Ni loĝis en novstila junular-familia gastejo situita tuj malantaŭ la muro. La urbo estis facile ating-ebla perpiede. La ĉeftemo FABELOJ, FABLOJ KAJ LEGENDOJ revenigis nin en junaĝo. Ni aŭskultis historiojn kaj fabelojn de *Andersen*, de la fratoj *Grimm*, rusajn, latvajn, dagestanajn kaj specialan bildfabelon pri ŝipeto *Narklo* kreita de niaj rusaj amikoj *Anna* kaj *Dima*.

La evento komenciĝis per interkona vespero kiun jam de pluraj jaroj animas *Mikaelo Bronŝtejn* el Rusio. Ĉeestis dudek novuloj kiuj rapide integriĝis al la grupo de jam konataj kaj regule partoprenantaj esperantistoj. La plej foraj venis el Japanio, Usono, Israelo, Rusio...

La libroservo de FEL (Flandra Esperanto-Ligo) ofertis plurajn librojn, muzikdiskojn kaj aliajn esperantaĵojn. Prizorgis ĝin *Tina* kaj *Paul Peeraets*. La "Knajpa" etoso apartenas al la plej gajaj. Ĉi-foje Harald, Jeon-ok, Vida, Bruno kaj HDP servis bieron, vinon, koktelojn...

Aŭtorajn horojn prezentis *Lena Karpunina* kaj *Mikaelo Bronŝtejn*. Pri la situacio en Afganio parolis *Ulrich Brandenburg*, pri Norda Koreio kaj porka gripo *Harald Schicke*, pri kajakado ĉirkaŭ insuloj *Ugo* kaj *Annarosa* el Italio, artan enpakadon per tukoj prezentis kaj pri ties historio parolis *Masumi* kaj *Tacuo Huĝimoto* el Japanio, memorindan jubilean IF-on en retrospektivo prezentis *Brian Moon*. Krom tio, okazis vico da interesaj prelegoj. Estis prezentita baleto, mantro, pianludado, matena gimnastikado Oni ofertis kurson de desegnado, paroligan kurson, ktp. Multaj interesiĝis pri vizito al la loka bierfabriko Ankerbräu, kie ĉiu vizitanto ricevis memore bierglasojn kaj kompreneble ili gustumis diversajn bierojn. Ankaŭ urbaj promenoj kolektis multajn interesulojn.

Pluraj profitis oferton de surloka saŭnado. Jam la trian fojon okazis IVU (Internacia Vintra Universitato) kaj la duan fojon Internaciaj ekzamenoj laŭ la nova metodo, gvidita de *Zsófia Kóródy* kaj *Peter Zilvar*.

La ekskurso al *Nürnberg* bone kaj laŭ la plano disvolviĝis. La ĉiĉeronino detale rakontis pri interesaj vidindaĵoj. En la fama restoracio "Bratwurst Röslein" ni bonguste kaj abunde tagmanĝis. Restis sufiĉe da tempo por promenado tra la urbo.



*Liba elektis muzikon en ritmo de flamenko*

Por dancŝatantoj *Liba* elektis muzikon en ritmo de flamenko kaj ŝi iniciatis lernadon de mazurko, kiu estis prezentita kun granda sukceso antaŭ la Silvestra balo. Dum la tradiciaj silvestraj bufedoj kaj baloj ĉiam estas okazo bone manĝi, babili, amuziĝi, danci kaj bonvenigi la diversajn novjarojn de la ĉeestantaj partoprenantoj. La novjara promeno celis rondiron sur la ĉirkaŭurba murego kiun gvidis *Floreal*. Li akompanis interesulojn al la 90 metrojn alta turo *Daniel* de kie bela vetero ebligis rigardon al la vasta ĉirkaŭaĵo kaj neĝkovrita urbo *Nördlingen*.

Krom la dagestana, rusa kaj la israela vesperoj dum kiuj ni estis regalitaj ne nur per kantoj, dancoj sed ankaŭ per tiulandaj bongustaĵoj ni ankaŭ festis la Zamenhofan 150-jaran datrevenon per interesa programo kaj ŝaŭmvino ofertita de nia organizanto *HDP (Hans-Dieter Platz)* al kiu ni

26a INTERNACIA FESTIVALO









tutkore dankas pro la brila organizado de IF-oj, kiuj iĝas jaron post jaro pli kaj pli perfektaj.

Kiel antaŭvidite, la festivalo estis ege sukcesa kaj mi invitas vin denove reveni ĉi-jarfine al la sama loko - fabela urbo Nördlingen- por festi la 27-an IF en agrabla kaj amika etoso. Dum la tuttaga ekskurso ni vizitos Munkenon.

*Liba Gabalda*

# Terminologia angulo (10)

## Ni diferencigu inter teknikaj kaj trafikaj nocioj !

Ĉiam denove mi konstatas misuzon de la radiko "trajn-" en artikoloj, se temas pri produktaĵoj konsistantaj el pluraj kombinitaj (motor)vagonoj. La ĝis nun plej longa diskuto de Terminara Sekcio – en jaro 2000 – okazis kun la fina decido "(motor)vagonkombinaĵo", ĉar "trajno" ja estas pure trafika – do ne teknika – nocio. En IF 2006.1 troviĝas mia koncerna artikolo "Ĉu trajno, ĉu vagonaro, ĉu vagonkombinaĵo ?". Nun mi volas montri suplementon kiel grafikaĵon, pri diferencigo inter tiaj teknikaj, trafikaj kaj teknik-trafikaj nocioj.

## 1. Teknikaj produktaĵoj por fervojo

Veturilindustrio fabrikas kaj vendas ; fervoja entrepreno aĉetas kaj ekspluatas.




Komuna termino por motorvagono kaj lokomotivo estas "trakciilo".
Veturilkombinaĵo konsistas el pluraj veturiloj interligitaj ne per normala kuplilo, sed per firmkuplilo aŭ ĉasia artiko.
Mi rezignas listigi tre specialajn veturilojn (moveblajn traklabormaŝinojn, drezinojn ktp).

* Ne en ĉiuj landoj tendro validas kiel aparta veturilo kun aparta numero – kiel en Ĉeĥio kaj Slovakio.

## 2. Trafikaj aranĝaĵoj de fervojo

En ekspluatado de veturiloj fervojo aranĝas :




Trajno trafikas sur fervojlinio(j) de stacio al stacio ; manovro okazas nur interne de stacio, inkluzive de klientaj trakoj (ankaŭ interne de traklaborejo).
Por du sinsekvaj kontraŭdirektaj trajnoj sur la sama linio ekzistas la termino "trajnparo".

## 3. Adaptaĵoj de veturiloj al trafiko

Temas pri kompletoj el ĉiuj veturiloj de trajno aŭ manovro. En fervoja ekspluatado – precipe per manovristoj – okazas adaptaĵoj al trafika bezono :




Precipe rimarku la diferencon inter vagonaro (por trajno) kaj vagongrupo (por manovro).

*Heinz Hoffmann*, sekretario de IFEF-Terminara Sekcio

**INTERNACIA FERVOJISTO**
*62-a eldonjaro*

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia fervojista Esperanto-Federacio**

**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
"co16919@iperbole.bologna.it"

**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
"kozsu13@freemail.hu"

**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
"marica.brletic@hznet.hr"

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
"laurent.vignaud@free.fr"

**Redaktoro**: Jean Ripoche
5 Allée Murillo
FR-44300 NANTES
France
Tel/fakso + 33 (0)2 40 50 57 43
"jeanripoche@wanadoo.fr"

**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy ùt 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**
ISSN 1397-4270
VIG 2003.494

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
"niemann@kabelmail.dk"
SK: D-ro Heinz Hoffmann
hoffmann-ifef@cablemail.de
SK: Inĝ Ladislav Kovář
"ladislav.kovar@worldonline.cz "

***Kiam amatora poeto rimetas***

# Rapide pasas vivo

Jaron post jaro jar'
Novjara malfermo
La ekstrema Fort'

La Silvestra balo
Laŭtege signalas,
Ke adiaŭi la jaron
La tempo jam iras

Horloĝo noktomeze
Batas, batas bum
Pluvas la ĉampano
Popola ebrium'

Al kiu fortege batos
La Sonoril' de ĝojo
Novjare tuj atingos
Grandan fortunan gloron

Larmoj de feliĉ' kaj amo
Estos ĉe ni sen mank'
La tutan jaron regos
Bona stat' de l' san'

Ĝoju kun ni Gefratoj
Iru kune al bal'
Jen la vivo nin tiras
Al ĝoja karnaval'

*Poemo esperantigita de amatora poeto Wieslaw Libner okaze de la novjaro 2010*